# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 27/09/2014 Cent okdek kvara eldono 27/09/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

# Feliĉan Naskiĝtagon al Nia Novaĵletero.

    

**Kara Roger**

**Mi ege dankas vin kaj viajn helpantojn pro la ĉiam ĝojiga ricevo de via bona kaj interesa "Australiaj Esperantistoj"**

**Samtempe mi kore gratulas al la tria naskiĝtago de via "infano"!**

**Mi kore salutas el Germanujo,**

**amike** *Hermann* Hermann Kroppenberg

Gratulojn trijarulo AE, kaj gepatroj Roger kaj Nicole. Via eniro en mian domon, almenaŭ ĉiusemajne, aldonas plezuron al mia jam plena vivo.

Nun, pri via demando: Kial la diversaj E-kluboj en nia lando ne sin vidigas per vi? Bedaŭrinde, ĉar verŝajne la anoj troaĝiĝas, malfortiĝas, malsaniĝas.

Bezoniĝas nur unu homo el ĉiu klubo por informi nin pri klubagadoj, sed tiaj taŭguloj kutime jam faras pli ol siaj porcioj da laboro kaj pri Esperanto kaj pri aliaj aferoj.

Do, kara leganto, kial ne devontigi vin mem skribi kelkajn liniojn, ne gravas pri kio, por nia propra ĉiusemajna komunikilo, por ke ni vere restu aŭstralia Esperanto-familio? Ne necesas novelo, eĉ ne artikolo; nur verku kelkajn liniojn kvazaŭ fejsbukkonversacie. Jen bela donaco por nia triumfa trijarulo :)

Bondezirojn al AE por tre feliĉa kaj informoplena, kvara jaro.
Vera Payne

Kara Roger,
gratulon pri via "3-a datreveno". Vi multon faris por nia afero dum tiuj 3 jaroj.
Amike, Trevor Steele



Karaj Roger kaj Nicole,
Gratulon pri la datreveno de AE. Max kaj Beth Wearing.

# Kviza posttagmezo

La ĉi-jaran kvizon de Trevor partopenis 12 homoj. La duopoj devis respondi po 10 demandoj en 6 raŭndoj. La gajnintoj estis Brendan kun Graham, vizitanto el Britujo. Post la cerb-ekzercado ni ankoraŭ longe manĝetis kaj babilis.



Roger, gratulon pro la bela datreveno de la novaĵbulteno!
Kun amika saluto, Katja Steele





## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

# La facileco LERNI la lingvon

Karaj,

permesu malgrandan komenton al la ”kompara grafikaĵo pri lernado de lingvoj”. La grafikaĵo eble povas gvidi al la miskompreno, ke Esperanto estas primitiva kaj kruda lingvaĵo. Se oni volas uzi ĝin, oni nepre devas substreki, ke ĝi nur montru komparon rilate al la facileco LERNI la lingvon, ne al ĝia esprimkapablo.

Amike, Peter Weide, Danujo

100ª Universala Kongreso de Esperanto
1905 2015
Lillo, 25 julio–1 aŭgusto 2015




## 38. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Kombinaĵoj de vortoj. B.



La memstara, simple adicia, maniero de kombini esprimojn montriĝas en la jenaj tri specoj.

Unue la kombino de du (aŭ pli) bildoj en unu bildon per du propozicioj (= sentences), do kombino de propozicioj. Ekz. “Aŭtomobilo preterpasas la domon kaj kato ĉasas hundon en la ĝardeno”. La vorteto kiu kombinas la du bildojn ĉi tie estas “kaj”, sed pluraj aliaj vortetoj povas uzati, ekz. “aŭ, nek, do, sed, tamen”, kaj multaj aliaj, precipe duoblaj Konjunkcioj kaj Adverboj. Jen pliaj ekzemploj: “Morgaŭ ni ludos piedpilkon aŭ ni biciklos”; “Ni ne piedpilkos, ni tamen ne biciklos; “Estas la sesa, do ni foriru”; “Kaj ili promesas pacon kaj ili pafas trans la bordon”.

Marcel Leereveld.

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu



### Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## Pri la graso kiu sveltigas

En la homa korpo troviĝas du specoj de graso: la blanka graso kiu longtempe konservas energion kaj la bruna graso kiu produktas varmon precipe por novnaskitoj. Tial ĝi troviĝas ĉe ĉiuj novnaskitaj mamuloj escepte de la porko. Novnaskitoj estas pli forte minacataj de malvarmiĝo ĉar ili pro sia malpli alta grandeco (korposurfaco kompare al la volumo) perdas pli da varmo kaj la mekanismoj de la termoregulado ankoraŭ ne estas plene elformiĝintaj. Ĉe homa suĉinfano troviĝas bruna grasoteksaĵo ĉefe ĉe la kolo kaj ĉe la brusto.

Por plenkreskuloj oni supozis ke ili ne plu disponas pri aktivaj brunaj grasoĉeloj. Per novaj studaĵoj oni nun konstatis ke "almenaŭ kelkaj dek procentoj da plenkreskuloj povus disponi pri aktivaj brunaj grasoĉeloj.

## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/ http://www.tikilive.com/show/esperantotv

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

**River Lights** **Sabato 11 Oktobro 14** Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger



## Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 28an de septembro 11atm Estrara kunveno kaj diskuto pri kiel allogi estontajn anojn. Poste amuz-programo.

**Ĉiuj alvenantoj estos bonvenaj.**

**Dimanĉa veturado** en Registaraj busoj, trajnoj kaj pramŝipoj por la uzantoj de la **KARTO OPAL** kostas entute **$2.50 por la tuta tago**. Do venu al la kunvenoj en Esperanto-domo.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La pasinta Skype estrarkunveno okazis jaŭdon, la 18-an de septembro, je la 17:00 (16:30) ?

## AEA estraro kaj la angla lingvo



Responde al Nicole (AE 183): Dankon por via sugesto. Jes, estus bone skribi estontajn bonvenajn leterojn al novaj membroj en kaj la angla kaj Esperanto. Tamen, mi opinias ke ekzistas pli da membroj (aŭ estuntaj membroj) de AEA, kiuj ne komprenus leteron se ĝi estus skribita nur en Esperanto, ol tiuj, kiuj ne komprenus ĝin nur en la angla.

Jonathan Cooper
Estrarano de AEA

## Trevor parolas pri sia aŭtobiografio.

http://www.tikilive.com/video/718202 Amike, Nicole

# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj
Esperеble en la venontaj AE-oj



Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn
Leganto de AE



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.
20/09/14 Venis ses. Roger, Eŭnice. John, Chris, Steven, Ian.

**Helpu kreskigi, subteni, la Esperantan Familion de Aŭstralio.**

Simplaj raportoj pri viaj Esperanto-eventoj en via regiono estas pli bonaj al nenia raporto.
Kiam vi metas informon pri Esperanto-eventoj je fejsbuko, sendu kopion al la novaĵletero.



**La Brisbana Esperanto-Kafklubo**
**Brisbana Esperanto-Societo**
**Centra-Marborda Esperanto-Klubo**
**Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio**
**Esperanto en Sudaŭstralio**
**Esperanto-Federacio de Viktorio**
**Esperanto-Kafo Klubo de Kanbero**
**Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio**
**Esperanto-programo de 3ZZZAŭstralio**
**Manlia Esperanto-Klubo**
**Melburna Esperanto-Asocio**
**Novkastela Esperanto-Societo**
**Or-Marborda Esperanto-Grupo**
**Sudorienta Esperanto-Klubo**
**Tasmania Esperanta Societo**
**Toowoomba Esperanto-Societo**
**Torkia Esperanto-Kafo-Klubo**

### Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj Listigitaj en la AEA ret-paĝoj

La verdkoloritaj kluboj ofte uzas AEon

Eĉ homoj ekster Aŭstralio informas AE pli ol la aŭstraliaj grupoj.

Ĉu vi ne fieras pri via klubo?

Novaĵoj el Novzelando ankaŭ bonvenaj





Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn

# Mayomo kun Jomo Afrikumas



Saluton Roger! Konstanta leganto de via tre valora informilo, mi volas per reklameto kuraĝigi niajn samideanojn helpi esperantistan muzikiston, Mayoma Theophile Dankembo, el D.R Kongo, en Afriko. Per la profito de sia KD-o "Mayomo kun Jomo Afrikumas" li volas konstrui kokidejon por bredi kaj vendi birdojn kaj gajni monon por lia familio. Li jam havas edzinon kaj unu jaran infanon. Ĉar la KD-oj estas ege malrapide vendataj ĉe Vinilkosmo, Esperanto-Muzik-Prod en Francujo, mi mem decidis aĉeti 20 ekzemplerojn por vendi al samideanoj en Aŭstralio. Tiel mi nun petas viajn grandanimajn legantojn kontakti min por mendi unu KD-on po $18.65, pagota per ĉeko, inkluzive specialan poŝtskatolon kaj sendokoston.

Sincerajn bondezirojn al ĉiuj legantoj!

Amike, Jennifer Bishop <bishop.jennifer699@gmail.com>



Nazia Germanio diabligis ĉiujn membrojn de unu religia grupo. Aĉega, hontinda rezulto.

Kelkaj Aŭstralianoj komencas diabligi ĉiujn membrojn de unu religia grupo. ..........?

La estroj de niaj ĵurnaloj kaj televidelsendejoj troigas la timon por profito.

Ne forgesu Hitler kaj la judojn. Zorge Pensu! (Mi jam hontas. Roger Springer)